









# itala fervojisto




ASSOCIAZIONE ITALIANA FERROVIERI ESPERANTISTI Sede: DOPOLAVORO FERROVIARIO BOLOGNA Via De' Poeti, 5/2 - 40124 BOLOGNA - Italia



I.F.E.A.



majo - septembro 1987

## Informa Bulteno

37a jaro n-ro 2




## 39a I.F.E.F.-KONGRESO EN KATOVICE

Dudeko da italoj partoprenis nian 39an Kongreson en Katovice, kie kunvenis oficiale 422 partoprenantoj el 19 landoj.

La tre riĉa programo vicigis multajn eventojn. Jen la plej gravaj:

- Gazetara konferenco kaj televidservo;
- Interkonatiĝa vespero;
- Solena inaŭguro je ĉeesto de Vicministro pri Transportoj, Ĉefdirektoro de fervoja slesja distrikto, Vicurbestro, diversaj aŭtoritatuloj el sindikatoj, FISAIC, Esperanto organizaĵoj, ktp.;
- Granda koncerto;
- Teatra prezentado de dramo kaj de junulara aktorado;
- Akcepto de Katovice-urbestro;
- Laborkunsidoj de: komisionoj (terminara kaj fakprelega); de IFEF-estraro; de IFEF-komitato;
- Internaciaj bankedo kaj balo;
- Ekskursoj al Krakovo (vere artriĉa kaj bela urbo) kaj al Ostvieĉim (Auschwitz) (vere tuŝenda pro la teruraj faktoj tie okazintaj: ni memoru!);
- Fakprelegoj " Elektrizado de polaj fervojoj" kaj "Konstruado de Ĉefa Fervoja Magistralo" (rektega linio);
- Prezento de "Aktualaĵoj el diversaj landoj" fare de multaj spertaj kolegoj el naŭ landoj;
- Teatra folklora prezentado de et/plenagaj kantistoj/dancistoj en belegaj polaj tradiciaj kostumoj;
- Du plenkunsidoj de IFEF;
- Solena kongresa-fermo, kun disdonigo de Rezolucio;
- Adiaŭa vespero.

Plie okazis akcepto ĉe Ministro pri transportoj en Varsovio de IFEF-estraro kaj landaj reprezentantoj.

Menciindas ankaŭ la vetero, la plej malbona kontraŭ ni de longaj jaroj, kiu certe ne kontribuis plibeligi la aspekton de multaj domfasadoj en la urbo, nigrigitaj pro la karba polvo kaj intensa polucio.

Kiel aparta persona sperto mi mencias viziton en granda varstacio Tarnowskie Gory, kie ekfunkcias eletronika aparataro por automata dis-/kunigado de ĉaroj precipe por karbotransportado.

Fine nia itala grupo, hejmvojaĝante, restis dum qvar tagoj en Prago, kie belega vetero sukcesis bone travivigi la promenadojn kaj ekskursojn tra unu el la plej belaj urboj, kiun ĝis nun mi vidis.

Romano BOLOGNESI

---

## R E Z O L U C I O

de 39a Internacia Fervojista Esperanta-Federacio Kongreso en Katovice (Pollando)

Ni, fervojistoj el 19 eŭropaj landoj, kunvenintaj dum la 39a Kongreso de Internacia Fervojista Esperanto-Federacio, kiu okazis en la JUBILEA CENTJARO DE ESPERANTO 1987

### A P E L A C I A S

al ĉiuj nacioj de la mondo, al ĉiuj registraroj, al ĉiuj sociaj, politikaj kaj internaciaj organizaĵoj
- disvastigadi kaj aplikadi la noblan Zamenhofan ideon pri paca kunvivado de la popoloj pri reciproka toleremo kaj estimo sendepende de politika konvinko, religia konfeso kaj haŭtkoloro
- rekoni kiel tutmondan, kulturan havajon la atingojn de la centjara esperanta movado
- akcepti Esperanton kiel oficialan lingvon en internaciaj kaj interhomaj kontaktoj
- apogi ĉiaspecan agadon de Esperanto organizaĵoj celantaj diskonigi kaj disvastigi la Lingvon Internacian.

La realigo de esperantaj ideoj eblas nur koincide kun tutmonda paco, tial ni plene apogas ĉiujn porpacajn iniciatojn, apelaciante al

ĉiuj partoprenantoj de senarmigitaj interkontaktoj, ke ili uzu maksimumon de bonvolo por atingi tiun plej gravan celon de la homaro, nome la senarmigon kaj firmigon de paco.

Laŭ la principoj transdonitaj al ni de Zamenhof, la mejlostonoj de nia vojo devas esti: espero, pacienco kaj obstino.

Ni fervojistoj-esperantistoj respektas ilin en nia ĉiutaga laboro, realigante samtempe la inspirojn de tiu ĉi rezolucio, helpante atingi la ĉefan celon de ĉiuj popoloj: la daŭran, tutmondan pacon.

---

## RISOLUZIONE

del 39' Kongresso della Fedrazione Internazionale Ferrovieri Esperantisti a Katowice - Polonia.

Noi, ferrovieri di 19 paesi europei, convenuti durante il 39' Congresso della Federazione Internazionale Ferrovieri Esperantisti, che avviene nell'ANNO CENTENARIO, GIUBILEO DELL'ESPERANTO 1987

FACCIAMO APPELLO

a tutte le nazioni del mondo, a tutti i governi, a tutte le organizzazioni sociali, politiche e internazionali di

- diffondere e applicare il nobile ideale di Zamenhof per la pacifica convivenza dei popoli, per la reciproca tolleranza e stima, prescindendo dalle convinzioni politica, religiose e dal colore della pelle
- riconoscere come patrimonio culturale mondiale i frutti di cento anni di attivita' esperantista
- accettare l'Esperanto come lingua ufficiale nei contatti internazionali e interpersonali
- appoggiare le attivita' delle organizzazioni esperantiste tese a far conoscere e diffondere la Lingua Internazionale.

La realizzazione delle idee esperantiste e' possibile solo in presenza di una pace mondiale, percio' noi appoggiamo in pieno ogni iniziativa atta a favorire la pace, appellandoci a tutti coloro che hanno occasioni di contatti non armati affinche' impieghino la massima buona volonta' per raggiungere il piu' grande fine dell'umanita', il disarmo e la certezza della pace.

Secondo i principi tramandataci da Zamenhof, le pietre miliari lungo il nostro cammino devono essere: speranza, pazienza e ostinazione.

Noi ferrovieri esperantisti li rispettiamo nel nostro lavoro quotidiano, mentre realizziamo le aspirazioni di questa risoluzione, contribuendo a raggiungere il fine massimo di tutti popoli: la pace, durevole e generalizzata.

---

## KATOWICE KUNVENO PRI MOVADAJ AFEROJ

En ĉeesto de dudeko da kongresanoj reprezentantaj 10 landoj, kaj komence de IFEF-prezidanto, la 22an de majo disvolviĝis en Katowice kunveno pri movadaj aferoj, sub prezido de d.ro Istvan Bacskái (H) kaj gvidado de d.ro Romano Bolognesi (I).

Tiu ĉi lasta reklarigas al la ĉeestantoj la verŝajne ne tro sufiĉe komprenitajn kialojn de la iniciato, nome kaj ĝenerale la neceson diskonigi la fervojajn kaj movadajn rezultojn iamaniere atingitajn de kolegoj, kaj precipe kiel eblis atingi ilin, por eventuale marŝi samdirekte. Pli detale oni diskonigu la bonrezultajn agojn faritajn por atingi la oficialigon de Esperanto en la rilatoj inter la fervojaj administracioj, por levi ĉie en la landaj sekcioj de FISAIC la lingvan problemon, por instigi la oficialigon de Esperanto en la rilatojn inter sindikatoj, partioj kaj fervojistaj organizoj (ekz. AEC, ktp).

Li plendas ankaŭ ĉar el neniu landa asocio venis al IFEA anonco de nomo de respondeculo pri tiu ĉi afero, kiun oni devas taksi grava kaj utila, se oni bone intencas kompreni ĝin en la deziroj kaj celoj.

Multflanke venas ankaŭ plendo pro

la maltroa diskonigado de la kunveno kaj pri la malfacila atingebleco de ĝia'sidejo.
Kiel plej freŝa novaĵo, Bolognesi informas pri la lastatempa fondo en Italujo, far radikaloj, de Radikala Esperantista Federacio, pri kies estonteco oni havas pli ol bonajn esperojn.
Agado ĉe AEC-anoj resp. asocioj interesas al multaj ĉeestantoj, tiel ke, plurflanke oni decidis sugesti al siaj esperantaj·landaj asocioj denove kaj persiste pusigi Esperanton en tiun medion, kie nuntempe ŝajne malabundas normalaj idealeco kaj entuziasmo.
Alia novaĵo venas far kolego Niemann (Dk), kiu informas pri disdonigo de speciala propagandilo kun krucvortoj al fervojaj novdungitoj por konigi Esperanto ĉe junularo. Li ankaŭ atentigas la neceson havi liberan tempon dum la kongrestagoj.
Ne mankas duboj pri la utileco de programero kiel "Kunveno pri movadaj aferoj". Ekz. laŭ ĉefkomitatano De Sutter (B) tre utilus disdonado de fotokopioj de la punkto "Novaĵoj - aktualaĵoj el via lando" en la jarraporto; laŭ d.ro Bacskái la taskoj de niaj aktivuloj jam abundas, pro tio eble pli larĝaj klarigoj en la vicprezidanta raporto kaj pli da intervenoj en la aliaj jam antaŭviditaj kongresprogameroj, precipe dum la "plenkunsidoj", eble sufiĉus.
Male, laŭ la kolego Stuppnig (A), kiu ĉiam intense kongresas (ĉar eventuale antaŭ aŭ post la kongreso li restas en la vizitata lando por pli ekskursi) opinias eĉ ne sufiĉaj la okazoj kunveni por interŝanĝi spertojn kaj ideojn. Nia movado stagnas, ofte mankas junuloj, se oni ne volas ke ĝi baldaŭ malaperos, nepre oni devas trovi novajn vojojn, kiel tiu proponita de IFEA, kiun li taksas bona laŭ la intenco kaj celo.
Kolego Gimelli (I) proponas ke dum ĉi tiu programero oni profitu trakti (ev. mallonge, sed buŝe kaj do rekte) almenaŭ ĉion, kion oni jam skribis dum la jaro, por havi pli da eblecojn interkonatiĝi interni ĉiflanke, do por pli fratiĝi, pli kunordigi niajn iniciatojn.
Kun ĉi tiu spirito, ĉefkomitatano De Sutter decidas por la instigo de la landaj asocioj, per la jara cirkulero kaj fotokopioj de la jarraporto, por plivigligi la partoprenon en la forumo mem.

Romano BOLOGNESI



## I N V I T O E L F R A N C U J O

Karaj geamikoj,

FFEA kaj LKK kore invitas vin trapasi unusemajnan restadon, sude de Francio, en la bela urbo PERPIGNAN, de la 4a ĝis la 11a de junio 1988, okaze de la 40a IFEF -Kongreso.
Por la tria fojo, Francio estas elektita kiel kongresa lando de IFEF -Kongreso. Jam en 1951 kaj 1969 (en Parizo kaj Avignon) FFEA organizis tiun gravan manifestacion.
Ni, Francoj, faros ĉion eblan por oferti al vi multajn eblecojn por distriĝi, interbabiladi, fratiĝi kun malnovaj aŭ freŝdataj geamikoj, kaj kolekti bukedon da memoraĵoj, kiuj restos neforgeseblaj atestoj de komuna idealo.
Kvankam ni streĉe laboras tiucele, ĉio ne povas esti perfekta (laŭdire, perfekteco ne estiĝas en tiu mondo), sed tamen, ĉie kaj ĉiam, ni gardu la ridetoj sur niaj lipoj. Suno en Perpignan oftas. Ĝi prilumu nian kongreson.
Kompreneble, en la programo, notindas la fakaj kunsidoj: fakprelegoj, Terminara Komisiono, ktp, kiuj substrekas la kaŭzon de faka kongreso, kiel la nia.
Tiuj vortoj instigu vin al partopreno en la 40a jubilea kongreso.
Venu amase por efike elmontri la valoron de ESPERANTO kaj ies avantaĝojn.
FFEA atendas vin.

Pierre ROBIOLLE

(Aliĝilo aldoniĝos ĉe venonta n.ro)






NUOVE ADESIONI / RIADESIONI ALL' I. F. E. A. - BENVENUTI!!!

---

| | | |
|---|---|---|
| BERTELLI Perla | CEVOLI | PI |
| BORGHINI Egisto Umberto | | MS |
| CINTOLESI Massimo | QUERCIANELLA | LI |
| DI COLO Giuseppe | | PI |

UN GRADITO "DI PIU'" ALL'I.F.E.A.
MILLE GRAZIE! + + + + MILLE GRAZIE!

---

MASCHI Luigi L. 10.000

===

Esperanto-Grupo
NOVA ESPERO FRIULI



>> I N V I T O <<

19a TRILANDA ESPERANTO-KONFERENCO

---

Loko: Udine (Italujo)
Dato: 04-06 septembro 1987
Temo: "Perspektivoj por la 2a jarcento de Esperanto"
Informoj kaj aliĝpetoj: 19a T.E.K. - Dopolavoro Ferroviario, Sezione Culturale Esperanto, Via Cernaia 2, 33100 Udine (Italujio).

===

LA LINGUA INTERNAZIONALE
PER IL PR INTERNAZIONALE

---

Gia' ora il Partito Radicale e', in teoria, internazionale, ma lo diventera' praticamente sempre piu' allorche' dara' frutti l'investimento per migliaia di nuovi iscritti fuori d'Italia. Avra' quindi bisogno presto di una lingua internazionale funzionale sia nella sua forma scritta sia in quella orale, che si possa usare quale lingua ponte tra piu' di dieci gruppi divisi linguisticamente.

Questa lingua e' l'Esperanto:
- il cui lessico e' basato in gran parte sulle piu' diffuse parole delle lingue europee,
- che si pronuncia, sempre, come si scrive,
- nella cui grammatica, senza inutili complicazioni, non esistono eccezioni,
- il cui apprendimento richiede, statisticamente, un quinto del tempo necessario per imparare qualsiasi altra lingua.

Lingua di internazionalisti, di pacifisti e di non-violenti, l'Esperanto e' usato da molti in ogni continente e tra l'altro in Cina, nell'Est Europeo, in Giappone e nel Terzo mondo, dove e' gradito anche perche' non e' collegato a memorie colonialiste o di politica egemonica, come l'inglese, il francese, lo spagnolo, il portoghese, il tedesco e il russo.

Adottato dall'Europa, l'Esperanto eviterebbe che una decina di paesi si trovassero svantaggiati rispetto a quello la cui lingua nazionale venisse scelta come lingua ufficiale o come lingua ponte.

D'altra parte, la Comunita' Economica Europea ha gia' sovvenzionato un progetto per l'adozione dell'Esperanto come lingua ponte nella traduzione automatica, riconoscendo cosi' le specifiche qualita' di una lingua che tra l'altro era stata adottata dall'Associazione Internazionale di Cibernetica tra le sue lingue di lavoro.

(Da un volantino dell "Associazione Radicale Esperanto")

===

LA LINGVO INTERNACIA
POR LA PR INTERNACIA

Jam nun la Partio Radikala estas, teorie, internacia, sed ĝi iĝos tia praktike ĉiam pli kaj pli, kiam fruktos la investado por miloj da novaj eksteritalaj aliĝontoj. Do ĝi bezonos baldaŭ funkcian internacian lingvon, kaj en la formo skribita kaj en tiu voĉa, kion oni povos uzi kiel pontolingvo inter pli ol dek lingve dividitaj grupoj.
Tiu ĉi lingvo estas Esperanto:
- kies leksikono baziĝas grandparte sur la plej disvastigitaj vortoj de eŭropaj lingvoj,
- kion oni prononcas ĉiam kiel oni skribas ĝin,
- en kies gramatiko, sen malutilaj komplikaĵoj, ne ekzistas esceptoj,
- kies ellernado bezonas statistike kvinonon de la tempo necesa por lerni ĉian alian lingvon.
Lingvo de internaciistoj, paciistoj, kaj ne-perfortuloj, Esperanto estas uzata en ĉiuj kontinentoj: interalie en Ĉinio, Orienta Eŭropo, Japanujo, kaj en la Tria Mondo, kie ĝi estas aprecata ankaŭ ĉar ĝi ne kuniĝas kun memoroj pri koloniismo kaj politiko egemona, kiel la lingvoj angla, franca, hispana, portugala, germana kaj rusa.
Adoptita de Eŭropo, Esperanto evitus ke deko da landoj iĝus malavantaĝitaj kompare kun tiuj kies nacia lingvo elektiĝus kiel oficiala lingvo aŭ pontolingvo.
Cetere Ekonomia Europa Komunaĵo jam subvenciis projekton por la aŭtomata traduko, tiel agnoskante la specifajn kvalitojn de lingvo kiu jam estis adoptita de Internacia Asocio de Kibernetiko inter ĝiaj laborlingvoj.

(El flugfolio de "Esperanto Radikala Asocio")



1887-1987 Centjara Jubileo de Esperanto



**58° ITALA KONGRESO DE ESPERANTO**

PISA 11-18 SEPTEMBRO 1987

ESPERANTO 1887-1987: CENT JAROJ DE KULTURO

ALIĜU ĈE: «GRUPPO ESPERANTISTA PISANO», VIA OBERDAN 57, I-56100 PISA, ITALUJO - PĈK 14509566

58° CONGRESSO ITALIANO DI ESPERANTO
PISA 11-18 SETTEMBRE 1987

Il prossimo Congresso Italiano di Esperanto si terra' a Pisa dall'11 al 18/9/87, nel cui quadro la nostra Associazione terra' la propria Assemblea annuale lunedi' 14/9 alle ore 15,00. (In proposito ogni socio in regola riceve allegata la relativa lettera di convocazione).
Non siamo ancora in possesso del programma congressuale definitivo, mentre proprio in questi giorni e' pervenuta la Convocazione per l'Assemblea annuale della F.E.I. con allegati la Relazione del Consiglio, il Bilancio consuntivo 1986 e la Relazione dei Sindaci revisori.
L'O.d.G. e' il seguente:
1 - nomina degli organi operativi dell'Assemblea: a) presidente, b) segretario, c) scrutatori
2 - relazione del Consiglio Nazionale
3 - relazione del Collegio dei revisori dei conti
4 - presentazione del bilancio consuntivo 1986
5 - decisione sull'esclusione di un socio
6 - proposta aumento quote sociali
7 - accettazione eredita'
8 - presentazione dei nuovi candidati per il Consiglio Nazionale e per il Collegio dei revisori
9 - votazione per approvare i punti 2 e 4 e per l'elezione del Consiglio Nazionale e del Collegio dei revisori dei conti
10 - varie eventuali.

I candidati consiglieri sono:

| | | |
|---|---|---|
| BOLOGNESI | Romano | Bologna |
| CASINI | Brunetto | Pisa |
| CORSETTI | Renato | Zagarolo(RM) |
| DALLA | Valerio | Bologna |
| DE GIORGI | Aldo | Como |
| FIORONI | Livio | Milano |

| | | |
|---|---|---|
| FORMIZZI | Gaetano | Verona |
| GALBUSERA | Franco | Verona |
| GRASSINI | Aldo | Ancona |
| LIPARI SATO | Michela | Roma |
| MARTINI | Giuseppe | Asciano(PI) |
| MINNAIA | Nicola | Rho(MI) |
| MOSCA | Ugo | Biella(VC) |
| NERI LAMI | Lidia | Livorno |
| PERNA | Alessandro | Roma |
| PIGNATELLI | Francesco | Conegliano(TV) |
| RICAGNO | Graziano | Pietole(MN) |
| ROVERE | Emanuele | Povoletto(UD) |
| SALETTI | Norberto | Bologna |
| SARANDREA | Carlo | Roma |
| STOPPOLONI | Umberto | Pistoia |
| STROZZI | Camilla | Modena |
| TADDEI | Edo | Firenze |
| TADOLINI | Luigi | Forli' |

Sono nuovi candidati: Dalla, Mosca, Perna, Pignatelli, Ricagno, Rovere, Sarandrea, Strozzi, Taddei; scomparsi: Bertoletti e Marelli; non si ripresentano: Boschin, Broccatelli, Dao, DeLorenzi, Sola, Stoja (consiglieri uscenti), Carletti, Crespan, GorniRestani, Menabene, Polese (non eletti).

I candidati revisori sono:

| | | |
|---|---|---|
| FCA' | Claudio | Grandate(CO) |
| FORMAGGIO | Aldo | Chiavari(GE) |
| GUERNIERI | Enzo | Milano |
| POLERANI | G.Franco | Milano |
| TEORMINO | Lazzaro | Milano |

===================================



100 JAROJ BULGARAJ ŜTATAJ FERVOJOJ

En la jaro 1988 la Bulgaraj Ŝtataj Fervojoj celebros sian 100jaran jubileon. Meritas estimon sian historion, plena je malafacilaj periodoj kaj vere heroaj eventoj.

Antaŭ 120 jaroj, la 5an de novembro 1866, estas inaŭgurita por ekspluatado la unua fervoja linio: RUSE-VARNA, longa 224 km. En 1873 finas la konstruado de la linio CARIGRAD-BELOVO kaj post du jaroj tiun de la linio TARNOVO-NOVA ZAGORA-JMBOL.

Post la liberiĝo de la turka jugo la juna bulgara ŝtato fakte restas sen fervojaj linioj. Sub kontrolo de turkoj restas la linioj en orienta Rumelio. La linio Ruse-Varna funkcias kiel propraĵo de angla kompanio. Ĉefa problemo fariĝas la kreado de bulgaraj fervojoj.

La 31an de januaro 1885 la Popola Kunveno (Parlamento) akceptas leĝon pri la fervojoj, publikigita en "Darsaven Vestnik" (Ŝtata Gazeto), n.ro 14, 12an de februaro, la sama jaro dum kiu estas ĝustigita la organizita ŝtata politiko (rilate de la fervojoj, ilia konstruo, prizorgo kaj ekspluatado). Sekvas konstruado de kelkaj linioj kaj reaĉetado de privataj fervojoj. En 1888 (jaro de la fakta fondo de la Bulgaraj Ŝtataj Fervojoj) Bulgarujo disponas per 384 km da linioj.

Ankoraŭ de la komenco de sia ekzistado la Bulgaraj Ŝtataj Fervojoj ĉiam kunagis la ŝtatan evolucn kaj ludis aktivan rolon en la ekonomia kaj kultura vivo en nia lando. La bulgaraj fervojistoj ĉiam estis en la unuaj vicoj de la socia vivo, aktive partoprenadis la laboristajn movadon kaj batalojn, la konstruo de la nova socio.

En periodo de tutkompleta rekonstruo kaj modernigo de la fervoja transporto estis enkondukita elektra kaj dizela tirpovo. La lastan vaporlokomotivon oni metis en muzeon. Vigla proceso de renovigo pliboniĝis la stato de la vagona parko.

La teknika kaj teknologia reekipiĝo laŭ la vojo de elekriciado kaj duobligo de la linioj, la enkonduko de aŭtomatigitaj kaj kibernetikaj sistemoj kreas kondiĉojn pri la bonkvalitenova kreskado de nia ekonomiko.

La Bulgaraj Ŝtataj Fervojoj meritas sian bazan lokon en la komuna ŝtata transporta sistemo.

Okaze de la 100jara glora jubileo la Estraro de la Bulgaraj Ŝtataj Fervojoj preparas specialan progra-

mon, antaŭvidanta diversajn aranĝojn kaj iniciatojn.
Por popularigo de la fervojoj estos eldonataj libroj kaj reklamaj materialoj, konstruataj monumentoj, ligitaj kun la historia revolucia pasinteco, oni organizos ekspoziciojn. La turistoj havos eblecojn ĝui distrajn veturadojn tra la lando, per trajnoj, kuniĝitaj el malnovaj lokomotivoj kaj vagonoj.
Streĉa estos tiu jaro antaŭ la celebro de la jubileo. En la preparo kaj ĝia okaziĝo partoprenos socifunkciuloj, sciencistoj, verkistoj, sed certe la plej aktivaj estos la fervojistoj. Plej ĝojaj kaj tutmerite plej fieraj pro siaj profesiaj atingoj kaj sukcesoj, pro sia plenumita devo antaŭ la Popolo kaj la Ŝtato.

Lilija Pavlova Koleva



KORESPONDI DEZIRAS

Juna ĉehoslovako, precipe kun italoj pri ĉiuj temoj. Respondo certa. Skribu al:
Jaroslav KADLEC
Nadrazni202/2
ĈS 59231 NOVE MESTO NA MORAVE
(Ĉeĥosalovakio)

Estona, ekde sia infanago esperantisto, korespondema, kiu ŝatas fidelamikojn, kolekti kaj interŝanĝi bilkartojn aŭ aliaĵojn, kun ge-italojn:
Heiki KALAM
SU 203016 Kolga 53-4
Harju rajoon
Estonio, U.S.S.R.

Pola junulo, pri pm, turismo familia vivo, ĉiuj temoj.
Skribu al: Stanisław MICHALSKI
Ul. Graniczna 4/507
PL 00130 WARSZAWA (Pollando)

28-jara uzbeka inĝeniero ĉe fervojo, pri vojaĝoj, vivmanieroj, problemoj de fervojistoj, ktp.
Poŝtrestante s.ro R. HASANOV
SU 740001 URGENC-1
Uzbekistan, U.S.S.R.

27-jara fervoja inĝenierino, pri diversaj temoj.
F.ino Irina STEPANOVA
Okeanskij Prospekt, 8 kv.8-a
SU VLADIVOSTOK, U.S.S.R.

Sinjoro V. BANIULAITIS
Su-235800 KLAIPEDA,
ab. d. 168,
Litova SSR, (Sovetunio)
interesiĝas pri porpaca movado kaj pri internaciismo. Li intencas fondi Esperanto-klubon en sia urbo, pro tio li bezonas bonajn konsilojn kaj korespondaĵon el kluboj kun esperantaj vivospertoj.

=====================================



Viadukto sur la rivero "Paglia" (tre rekta ferlinio Florenco-Romo)

UN'IDEA CON UNA LINGUA ALL'INTERNO

Se la storia ci fosse maestra, essa ci insegnerebbe questo: l'Esperanto al mondo raramente ha ricevuto il sia pur minimo giusto e normale trattamento. Per certo la Lingua Internazionale deve essere molto forte se e' temuta da tante persone e da tante potenze!
Invece l'Esperanto e' un meraviglioso ed unico fenomeno: una lingua senza nazionalita' e senza una patria precisa, una lingua pensata da un uomo e tuttavia usata in ogni parte del mondo, una lingua - (Kalocsay) -

"Non gloriosa e fiera,
solo orfana, impotente, debole, immatura,
manchevole, indifesa e - forse - disperata,
ma nobil, bianca, chiara e pura immacolata."

E gia' con una storia. E la storia implica cultura. La storia culturale del l'Esperanto non e' iniziata solo nel 1887. Essa comprende le aspirazioni giovanili di Zamenhof; ma oltre a cio' essa deriva da tre secoli prima, durante i quali molte volte diversi uomini analizzarono il problema linguistico e vollero risolverlo: Nostradamo, Cartesio, Leibnitz, Comenio, Urquhart, Michaelis, Müller, Schleyer - centinaia di cervelli di molti paesi portarono il loro obolo alla soluzione di uno dei piu' grandi limiti al progresso umano: la diversita' delle lingue.
Quanti eroi e traditori ci ha consegnato la storia dell'Esperanto! Trompeter, che in un momento di crisi garanti' la stampa de "La Esperantisto"; lo scrittore Kabe, il cui nome divento' una radice per esprimere la disillusione e l'abbandono del movimento; De Beaufront, il nostro Giuda; i giovani Privat e Holder - Holder fu il fondatore dell'UEA; Lanti, il motore del non nazionalismo; e innumerevoli altri. Dei luoghi acquisirono evidente significato solo per gli esperantisti: Bjalistok, Boulogne sur Mère, Rickmansworth, Frostavallen, Amburgo, Rauma, Montevideo, e altri. E naturalmente i nostri scrittori - nell'attuale epoca non e immaginabile una cultura senza letteratura: Kalocsay, Baghy, Miyamoto, Waringhien, Schwartz, e probabilmente i 163 poeti di 35 paesi di 5 continenti i cui scritti sono raccolti nella nuova "Antologia Esperantista".
La base storica di una cultura esperantista e' una realta', cosi' come lo e' la sua base letteraria, se gli esperantisti la desiderano. Non solo gli oppositori dell'Esperanto negano l'esistenza di tale cultura; non tutti gli esperantisti la riconoscono. Tuttavia il giurista e psicologo Helmut Welger si pone la domanda: "Come vincere dunque la simbolica resistenza causata dal fatto che l'Esperanto non viene sentito come rappresentante di una cultura, di un popolo?" e cosi' risponde: "L'idea dell'intercomprensione e' molto attuale in questi tempi di crescente pericolo di guerra e di aspirazione alla pace. Essa, di per se', non appare settaria, ma molto attraente per molti uomini. Percio' noi possiamo elimi-




nare uno dei principali ostacoli contro la Lingua Internazionale mostrando la sua base ideale, che sviluppa cultura e substrati culturali.
Avrete gia' notato che l'idea trattata altro non e' che la cosiddetta

"Idea Interna" dell'Esperanto. Molti trascurano la situazione psicologica degli interessati verso l'Esperanto. Dobbiamo evidenziare con coraggio l'Idea Interna come il senso e il motivo di esistere dell'Esperanto. L'esperanto e' perfino piu' un'idea con una Lingua Interna, che una lingua con un'Idea Interna."

Bisogna confessare che la cultura esperantista ha un lato debole, cioe': un adeguato sistema educativo, che la dovrebbe assistere, e' quasi inesistente. Solo qua e la' nel mondo si trovano corsi in cui si studia l'esperantismo a livello superiore. Malgrado cio' le conoscenze culturali degli esperantisti seri sono notevolmente omogenee, a Pechino come a Tokio non meno che a Londra e a Madrid, a Budapest e a Mosca non meno che a Rio de Janeiro e a San Francisco. Vengono lette le medesime riviste, gli stessi libri si trovano sugli scaffali delle piu' diverse case. Gli esperantisti hanno un comune corpo di associazioni, di informazioni e di tradizioni, che sono il fondamento di ogni cultura.

Certamente la cultura esperantista si evolve e cambia in continuazione, come tutte le culture. Fintanto che gli uomini desiderano e propugnano una intima e diretta reciproca comprensione, questa cultura arricchira' e stimolera' le loro vite.

Finisco con una poesia molto adatta al nostro Centenario. Essa non e' molto conosciuta, per quanto il suo autore, Emeriko Baranyai, morto 26 anni fa, meriterebbe piu attenzione di quella ricevuta, ma essa in questo momento esprime chiaramente i miei sentimenti - e spero anche i vostri.

Siamo un popolo, non solo "movimento",
la nostra patria e' tutta la Terra.
E lo stendardo non insanguinato,
e' di verde speranza colorato.

*

Abbiam perfino martiri, ed eroi,
combattenti malizia ed ignoranza,
nostri poeti, che corde fan vibrare
di giustizia, pace, liberta' di amare.

*

Poiche' imparammo dal suo grande cuore:
il primo "umanitario", Zamenhof,
lottiamo con lo scudo immacolato
per un mondo piu' nuovo, migliorato.

*

Un popol' siamo, non solo "movimento",
Il nostro credo e' la comprensione!
La cara Lingua, viva e gia' matura,
a tutti s'offre, come la Natura.

*

Siamo un popolo, ovunque tra le genti,
che porta di cultura propria fiamma.
In ogni ambiente inseriti operiamo,
o - lo dovremmo, se ancor non lo siamo!

(Intervento di William Auld, poeta scozzese, al 47' Congresso Spagnolo di Esperanto, Madrid, 26/4/87, tradotto dall'originale Esperanto)

Romano BOLOGNESI

=====================================



# vidindaĵoj el ENCIKLOPEDIO DE ESPERANTO

(daŭrigo)

En 1923 aperis novaj grupoj en Voghera, Lecce, Soave, Bolzano. La Komerca Ĉambro de Padova aliĝis al IEF kaj ankaŭ la Komerca Ĉambro de Reggio Emilia helpas E-n. Granda okazaĵo de ĉi tiu jaro estis en Venezia la Unua Int. Konferenco por Helplingvo en Komerco kaj Turismo, kies aranĝon helpis IEF.

La 8-a Nacia Kongreso okazis en Terni 21—22 sept. 1923. (Org. komitato: adv. G. Pasqualini, f-ino L. Caporali, f-ino N. Biagioni.)

La 9-a Nacia Kongreso okazis en Torino 2—5 aŭg. 1924. (Sekr. de la org. komitato inĝ. Muretti.) Oni elektis novan estraron de IEF, prez. prof. A. Lacalendola kaj d-ro G. Koch. Nova sidejo: Bari.

En 1924—25 estis agemaj grupoj: Bari, Brescia, Castiglioncello, Cremona, Genova, Mantova, Milano, Padova, Parma, Roma, La Spezia, Terni, Torino, Trento, Trieste, Udine, Verona, Venezia, Voghera.

La 10-a Nacia Kongreso okazis en Bari 13—15 sept. 1925 (Org. komitato: prof. Lacalendola, d-ro Koch, adv. Morea). La nova estraro de IEF formiĝis: prez. generalo markizo Carlo Cordero di Montezemolo, sekr. kolonelo Arturo Passerini. Sidejo fariĝis Livorno.

La 11-a Nacia Kongreso okazis en Livorno 19—20 sept. 1926. (Org. komitato: Montezemolo, Passerini). Nova estraro de IEF: prez. Montezemolo, vicprez, inĝ. d-ro prof. Rinaldo Orengo, sekr. Gernando Morfini. Sidejo: Livorno. En 1926—27 fondiĝis novaj grupoj en Vicenza kaj Como.

La 12-a Nacia Kongreso okazis en Napoli 3—5 sept. 1927. (Org. komitato: admiralo Eŭgeno Trifari, prof. Nicola Magliulo.) Tiu ĉi kongreso markis specialan etapon en la progreso de la itala E-movado.

La 13-a Nacia Kongreso okazis en Perugia 22—24 sept. 1928. (Org. komitato: d-ro Kav. Guido Ramaccioni, Nazareno Boccioli). Nova estraro de IEF: prez. Montezemolo, vicprez. d-ro prof. Giorgio Canuto, sekr. Aleviano Bisetti. Nova sidejo: Torino. Dum la kongreso oni starigis specialan Delegacion por Eksterlando de la Itala E-movado, kun celoj de kunigo kaj kontrolo de utiligo de E rilate al naciaj celoj en la interrilatoj kun eksterlando. La Delegacio ,depost' sia starigo aperigis en la organo de IEF Bultenon kun sciigoj koncernantaj la eksterlandan E-movadon kaj dissendas al ĉiulandaj gravaj E gazetoj bultenon pri la itala E-movado kaj la plej gravajn faktojn pri Italujo. Estis elektita kaj daŭre funkcias kiel gvidanto de la Delegacio prof. Gaetano Facchi el Brescia.

Agemaj grupoj en 1928—29 estis tiuj menciitaj depost 1924, kaj la novaj de Livorno, Modena, Salerno. Nombro de la grupoj aliĝintaj al IEF en 1929 estis 18.

La 14-a Nacia Kongreso estis en Udine 28—30 jul. 1929. (Org. komitato: Grafo adv. Gino di Caporiacco, geom. Franco Bodini). Dum tiu kongreso okazis la Unua Nacia Ekspozicio de E, organizita de Bodini.

La 15-a Nacia Kongreso okazis en Como 30 aŭg.—1 sept. 1930. (Org. komitato: adv. Giulio Benzoni, d-ro Canuto, Bodini, Rag. Pierino Castiglioni). Dua Nacia Ekspozicio de E kaj Unua Int. Turisma Karavano por E-istoj al Italujo okazis dum tiu kongreso.

La 16-a Nacia Kongreso estis arangita en Padova 25—28 jul. 1931. (Org. komitato: grafo d-ro Fr Giusti

del Giardino, d-ro U. Renda, Canuto, Bodini, prof. G. Saggiori). Okazis samtempe la Tria Nacia Ekspozicio de E kaj dua Int. Turisma Karavano al Italujo.

La 17 majo 1931 IEF translokiĝis de Torino al Milano kaj fiksis sian nunan sidejon en la centro de la urbo. Por la unua fojo tie ekfunkciis centra nacia oficejo plenumanta la administran kaj sekretarian laboron de IEF, kaj servanta la tutan italan E-movadon, sub la nomo E-Centro Itala. La Centro servas la Italan Katedron de E kaj la Delegacion por eksterlando. Krome, ĝi zorgas la informojn por la publiko, eldonon kaj vendadon de libroj, organizas turismajn karavanojn, kaj kunvenojn, metas je dispono de la grupoj sian laboron, funkcias kiel renkontejo dank' al sia escepte bona situacio, kontaktas kun ne-E-istaj organizajoj kiuj utiligas aŭ helpas E-n.

Dum la unuaj du jaroj la Centro donis pruvon pri sia utileco kaj bona funkciado. Nuntempe ĝi troviĝas en florantaj kondiĉoj kaj en promesplena disvolviĝo. La Centro estis precipe kreaĵo kaj persona verko de inĝ. R. Orengo; ĝin subtenas »garantiantoj«, inter kiuj estas troveblaj la plej belaj nomoj de italaj E-istoj. Adreso de la Centro: Galleria Vittorio Emanuele 92, Milano. En 1931 la estraro de IEF estis jene elektita: prez. Montezemolo, vicprez. Canuto, sekr. Paola Mellina; membroj Bisetti, Bodini, Facchi, Grazzini, Ravizza, Tanzi kaj Ventura.

Agemaj grupoj en 1930—32 estis proks. la samaj de la antaŭa jaro; plie estiĝis novaj grupoj en Casale Monferrato, Cordenons, Gradisca, Pallazzolo sull' Oglio.

La 17-a Nacia Kongreso okazis en Torino 25—27 jul. 1932. (Org. komitato: Canuto, adv. Giani, kolonelo Saccani k. a.)

Ni rimarkas pri la naciaj kongresoj de la italaj E-istoj, ke ĉe ili estis ĉiam reprezentataj kelkaj ministerioj, kutime tiuj de la instruado, de maristaro, de komerco kaj industrio, de ekonomio. Preskaŭ ĉiam la honora prez. estis la loka urbestro.

La novaj provincoj. En 1918 estis aldonataj al la Itala Regno iamaj teritorioj de la aŭstra imperio. El ili, en provincoj de Trento kaj Trieste kaj en regiono Istrio antaŭ la mondmilito ekzistis vigla E-movado. En 1912 en Trento estis iniciata de grafo Eccli, V. Peratoner, Fr. Gerloni, instr. Pacher kaj aliaj propagando, kiu rezultigis prop. komitaton por E, kies agadon ĉesigis la milito. En Fiume ekzistis grupo jam en 1907, en Gorizia (Görz) en 1911. En Trieste jam antaŭ la milito multe propagandis d-ro Arturo Ghez; en 1913 jam ekzistis »Circolo E-ista Triestino«. En regiono Istrio en 1914 ekzistis Istria E-Unuiĝo. En Isola d' Istria, en Capodistria, depost 1913 oni vigle propagandis per grupoj kaj kursoj kiel en la aliaj provincoj itallingvaj tiam parto de la aŭstra imperio.

Instruado. En 1912 stariĝis en Bologna nacia instituto por direkti la instruadon de E, kiu nomiĝis Itala Katedro de E (IKE). Fondinto kaj unua dir. estis d-ro prof. Achille Tellini. Celoj de la Katedro estis la organizo de kursoj kaj ekzamenoj, la elekto de kapablaj instruistoj kaj profesoroj de E. La Katedro eldonis ĝeneralan regularon kaj regularon por la ekzamenoj. La kunvenoj de la membroj okazis ĉiujare dum la naciaj kongresoj de E. La membroj elektas la direktoron, kaj la Katedro dividiĝas en regionaj Institutoj, kiuj havas sian regionan direktoron. En 1914 Z aprobis perletere la agadon de la Katedro. En 1915 la Katedro eldonis vortareton sub titolo: »Malgranda interpretisto por personoj en milito«. Dum la kongreso en Trento (1921) oni decidis reorganizi la Katedron. Honoraj membroj de la Katedro estas nun (1932) admiralo Alberto Alessio kaj prof. d-ro Bruno Migliorini. En 1922 estis elektata kiel dir. pastro Giacomo Meazzini, kiel sekr. prof. C. Grazzini.

(daŭrigota)

redaktoro: geo climelli
desegnistino: barbara morara